3a JARO — FEBRUARO 1911 — 4a NUMERO (28)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*
redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

| | | |
|---|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— | (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— | (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 | (Sm. 0.16) |

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | 1 paĝo | 1/2 paĝo | 1/4 paĝo | 1/8 paĝo | 1/16 paĝo |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

**Redakcio.** Adreso por ĉio kio koncernas la redakcion (artikoloj, ĉiuspecaj informoj, jurnaloj, broŝuroj, libroj) : S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, 26, Arendstraat, Antwerpen (Rue de l'Aigle, Anvers).

**Administracio.** (Abonoj, monsendoj, k. t. p.) S-ro FR. SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

**Anonco pri korespondado :**
kun la numero de la jurnalo, en kiu ĝi estas presita : Fr. 0.50.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*




**La Sepo** esprimas sian plej sinceran dankon al la multnombraj esperantistaj gazetoj, kiuj vokis la atenton de sia legantaro sur la 7an kongreson, kaj inter ili ĉefe *Holanda Proniro, Paris-Esperanto* kaj *Universo,* kiuj dediĉis al ĝi specialajn artikolojn, kaj *Germana Esperantisto,* kiu enhavas ĉiumonate regulan korespondaĵon pri **la Sepa**. Ĝi ankaŭ estas tre dankema al la *Germana Esperantista Societo,* kiu organizas paroladon kun lumbildoj pri la kongreso, dum la VIa kunveno de la germanaj esperantistoj, okazonta en Lübeck, la 4-5an de junio.

— La sekretario-kasisto de la Sepo ricevas multajn leterojn, en kiuj estas petataj ĉiuspecaj informoj. Por ne tro

kompliki lian grandan laboron, (ĉar ĉiu demando postulas respondon) li esprimas la deziron ke oni bonvolu atendi la sciiĝojn presitajn ĉiumonate en « Belga Esperantisto ». Speciala cirkulero de la Sepo estos dissendata dum la monato marto.

— La prezidanto de la Sepo interparolis antaŭ kelkaj tagoj kun la komitatanoj de la sindikato de la Antverpenaj hotel- kaj restoraciestroj ; tiuj sinjoroj promesis fari ĉion eblan por faciligi la restadon de la kongresanoj en Antverpeno kaj transdonos baldaŭ al la organiza komitato informojn pri siaj prezoj. Tiuj informoj estos publikigataj en la marta numero de B. E. kaj ankaŭ en speciala cirkulero.

— Lia dominea moŝto, S-ro A. Van Griethuysen, konsentis fari la predikon en Esperanto dum la diservo okazonta en la evangelia preĝejo, je dimanĉo la 20a de aŭgusto, malferma tago de la kongreso.

— Pri temoj pritraktotaj en la **literatura konkurso** ni jam povas doni la jenajn informojn :

**Organiza komitato de la kongreso**. — *Historio de Esperanto*.± 20 paĝoj,formato de B.E. : 1a premio : 100 frankoj = Sm. 40 ; 2a premio, 50 frankoj = Sm. 20.

**Redakcio de « Belga Esperantisto »**. – *Originala novelo* ± 12paĝa, formato de B. E. — Premio : 50 frankoj = Sm. 20.

**Antverpena Grupo Esperantista**. — *Pri la utileco de Esperanto por la komerco ; kiel enkonduki la uzadon de nia lingvo en la komercajn rilatojn*. 5 paĝoj, formato de B. E. Premio : 50 fr. = Sm. 20.

**La Verda Stelo**. – *Subjekto publikigota en la marta numero de B. E.* – Premio : 50 fr. = Sm. 20.

Pliaj detaloj enhavos la sekvonta numero de B. E. ; ili estos publikigataj per speciala cirkulero.

Ni faras varman alvokon al la esperantistaj organismoj, ĵurnaloj kaj ankaŭ al ĉiuj bonevolemaj samideanoj, por ke ili diflnu temojn kaj aljuĝu premiojn. Ili bonvolu sin turni al la sekretario-kasisto de la Sepa.

— La vendado de « Kaatje » mirinde sukcesas. Ni jam anoncis, ke la eldonistoj konsentis cedi grandan rabaton al la kongresa kaso por ĉiuj ekzempleroj venditaj antaŭ la 27 a de aŭgusto. Konsekvence la Sepo petas, ke la esperantistoj aĉetu de nun la teatraĵon, mendante ĝin ĉe la sekretario-kasisto, 76, Minderbroedersrui (Canal des Récollets), Antwerpen (Anvers). La mendoj, ne akompanataj de la mono, ne estas plenumataj. La prezentado de « Kaatje » estos *senpaga*, tamen estas ebligata lupreni de nun sidlokojn po Sm. 0.400 (teretaĝo kaj 1a etaĝo), po Sm. 0.200 (2a, 3a etaĝo).

— La kurso malfermita por la Antverpena policanaro, estas sekvata de 14 oficiroj kaj 98 policanoj. Ili estas tre entuziasmaj pri nia movado kaj decidis, ke post kelkaj se-

majnoj ili organizos inter si grupon, kiu aliĝos la *Internacian Polican Asocion*. Ne estas pridubeble ke dum la kongreso ili faros grandajn servojn kaj ke la sciado de Esperanto estos tre utila al ili por la plenumado de iliaj deĵoraj devoj.

— La Ministro de Sciencoj kaj Artoj metis je la dispono de la 7a kongreso la grandan festsalonon kaj ĉiujn ĉambrojn de la teretaĝo de la *Reĝa Ateneo*, de la 15a ĝis la 31a de aŭgusto 1911.

— La Sepo malfermis konton en la Antverpena *Banque de Reports*.

**Van der Biest-Andelhof**, prezidanto ; **O. Van Schoor**, vic-prezidanto ; **D-ro W. Van der Biest**, sekretario-kasisto ; **Maria Posenaer**, Leŭtenanto **Fr. Dupont**, **Louis Ritschie**, **Frans Schoofs**.

## Nomaro de la kongresanoj aliĝintaj antaŭ la 4a de februaro 1911

339. *Fervoro, esperantista grupo (subskribis 25 fr. = Sm. 10), sekretariejo 76, Minderbroedersrui,* Antwerpen (Belgujo)
340. Rousseau, Célestin, farmaciisto, 4, pl. de la République, Levallois-Perret (Seine-Fr.)
341. F-ino Rousseau, Jeanne, » »
342. Rousseau, Léon, oficisto, » »
343. F-ino Rousseau, Marthe, sen profesio, » »
344. Untermann, Rubin, oficisto, 42, Dahliastraat, Antwerpen (Belg.)
345. Sharpe, Richard, senpaga profesoro de Esperanto, 13, Hesketh Crescent, Torquay (Devon-Angl.)
346. S-ino Berry, Emily Marion, sen profesio, » »
347. Bicknell, Clarence, botanikisto, Villa Rosa, Bordighera (Ital.)
348. F-ino Flourens, Villa Roxane, Béziers (Franc.)
349. Maresquelle, Henri, profesoro, 109, rue Isabey Nancy »
350. F-ino Jozičić, Antonija, instruistino, Kostajnica (Kroat.-Hung.)
351. F-no Soriano, Trinidad, 30, rue Castellar, Sevilla (Hisp.)
352. Doué, Marius, subōficejestro en la Prefektejo, 10, rue Charles Divry, Paris (Franc.)
353. S-ino Doué, » » »
354. Gossiaux, ekspedisto, 6, von Barystraat, Antwerpen (Belg.)
355. Julia, Jean, novajvendisto, Boulevard St Roch, Céret (Pyr. Or.-Franc.)
356. S-ino Julia, » « » »
357. D-ro Ruiz Prieto, Joaquin, kuracisto, 73, Feria, Sevilla (Hisp.)
368. D-ro Ruiz Frieto, Pedro, » » » »
359. Hué, Percy William, ŝipfaristo, 53, Preston Road, Portsmouth (Angl.)
360. Griffin, Alfred, kalkulisto, Gordon Villa, Prescot Road, St Helens (Lancash. Angl.)
361. Hay, 40, Carstairs street, Liverpool » »
362. Aschy, Joseph, pastro, Southport » »
363. S-ino Stephenson, 19, Lord Street, » » »
364. S-ino Wormald, 31, Talbot Street » » »
365. F-ino Ferguson, 19, Lord Street, » » »
366. F-ino Hoyle, B. A., 32 Raikes Parade Blackpool, » »
367. F-ino Hedley, Cath., 7, Upper Queen Street » » »
368. Eberwein, K., bankoficisto, Ansbach, (Bavar. Germ.)
369. Fafet, Julien, instruisto, 233, avenue Foy Amiens (Pas-de Cal.-Franc.)
370. S-ino Fafet, » » » » » »
371. Bontemps, Léon Pierre, Suburbestro, 36, Pl. du Champ de Ville, Louviers, (Eure-Franc.)
372. S-ino Bontemps, » » »
373. Lannes, Emile, urba kasisto, 9, Faubourg de Rennes, » »

374. Van de Velde, Jan, negocisto, 28,Geitenstraat, Mechelen (Belg.)
375. Chauvin, Victor, farmaciisto, 7, rue de Nemours, Rennes, (Ille-et-Vilaine, Franc.)
379. F-ino Chauvin, » » » » »
377. Rolland, Joseph, Boulevard Sévigné, 7, rue de Nemours, Rennes (Ille et-Vilaine, France)
378. Davies, William-Edwin, lernejestro, Park School, Ireorchy (Rhondda, Kimr. Angl.)
379. S-ino Smith Nina- Frances, Dunedinstr. Clacton-on-Sea (Essea-Angl )
380. F-ino Palmer, Grace Lydia, instruistino. 63, Marine Parade, Clacton-on-Sea (Essex-Angl.)
381. Jankov, Ksenofon, redaktoro de *Danubo*, Popovo (Bulgarujo)
382. F-ino Schneller, Hedwig, 16, Froehlichstr., Augsburg (Bavar-Germ.)
383. F-ino Schneller, Maria, » » » »
384. de Luczenbacher, Janos, studento, 34, Guerickestr. Charlottenburg (Germ.)
385. Meynkercken, F. 85, rue Pachéco, Bruxelles (Belg.)
386. Lobbedez, Fernand, oficisto, Rue de Bapaume, Arras (Pas-de-Calais-Franc.)
387. Collot, Hyacinthe, profesoro, 51, Rue de la République, Arras (Pas-de-Calais-Franc.)
388. F-ino Fryer, Mary, Dalefield, Castle Hill Rastrick, (Brighouse Angl.)
389. Coppenet, Edm., instruisto, rue du Tribunal, Beaune (Côte-d'Or, Franc.)
390. S-ino Coppenet, instruistino, » » » »
391. F-ino Horning, Ida, Augsburg (Bavar. Germ.)
392. Karsten, Walter, oficisto, 43, Priessnitzstr., Dresden (Saks. Germ.)
393. Robertson, Robert banka kasisto, 3, Earlham Grove, Woodgreen-London (Angl.)
394. F-ino Desserin, Gabrielle, lernejdirektorino, rue Michel Servet, Bourges, (Cher-Franc.)
395. F-ino Bellamy, Dora, Fox Hill Lodge, Upper Norwood-London (Angl.)
396. Maling, Arthur J., lingvisto, 28, Oakthorpe Road, Summertown (Oxford, Angl.)
397. D-ro Dupont, Hubert, kuracisto, 101, rue d'Aix-la-Chapelle, Beyne-Heusay (Belg.)
398. Bihain, Hubert, presisto. 3, rue de Chênée, » » »
399. D-ro Besemer, ĥirurgiisto, 232, S. Albany Street, Ithaca, N. Y. (Usono)
400. S-ino Besemer, » » » » » »
401. Collins, John D., leĝisto, S. Aurora Street, » » »
402. Rhys Griffiths, G., 12, Kennison Drive, Grassendale, Liverpool (Angl.)
403. Rhys Griffiths, Richard, » » » » »
404. Challoner. E. L., kontoristo, 26, Cowley Hill Lane, St Helens (Lancash.-Angl.)
405. Alker, R., kontoristo, Peasly Cross Lane, » » »
406. Hartley, Richard, meblofaristo, Regent's Road, » » »
407. S-ino Hartley, » » » » »
408. F-ino Wagstaff, D., » » » » »
409. F-ino Threlfall, Dora, 72, Hall Street Southport » »
410. F-ino Lewis, W. J., 198, Weaste Lane, Pendleton Manchester » »
411. F-ino Giglot, Armande, Paleisstraat, 10, Antwerpen (Belg.)
412. F-ino De Schepper, Valentine, Vredestraat, 18, » »
413. Farmer, George Noble, kalkulisto, 15, Queen Elizabeth's Walk, Stoke Newington, London (Angl.)
414. S-ino Farmer, » » » » » » »
415. F-ino Baird, Jane, instruistino, 95, Bellevue Road, Edinburgh (Skot.)
416. Thomson, John C., bankisto, 42, St Andrew Square. » »
417. F-ino Calderhead, A. flegistino, City Hospital, » »
418. Davids, Edward James, civila oficisto, 55, Marchmont Road, » »
419. F-ino Forrest, H., flegistino, City Hospital, » »
420. Johnston, James T., 7, Viewforth Square, » »
421. F-ino Ramage, J. D., 16, Hawthorn Bank Terrace, Leith »
422. F-ino Beveridge, Loris, instruistino, Maybank, Magdalen Park Road, Dundee »

# Pri la nomo BELGUJO

La historio nur povas doni tre malprecizajn detalojn pr la unuaj popoloj, kiuj vivis tie, kie kuŝas la nuna Belgujo.

Pli bone konataj estas la Gaŭloj [1] aŭ Keltoj, kiuj enmigris ĉi tien el Azio, kaj donis sian nomon al la vasta lando, limigita de la Oceano, la Rejno, la Alpoj kaj la Pireneoj.

Tiuj Gaŭloj estis pelataj trans la rivero Sejno (Seine) de potenca gento, alveninta el la orienta Eŭropo, kiu post nelonge (3a centjaro antaŭ J. K.) enloĝis la tutan landon kuŝantan norde de la Sejno. La historiistoj donas al la almilitintoj la nomon **Belgoj**, kies signifon oni retrovas en la antikva germana vortradiko *Belg, Bolg* = batalulo, bravulo.

Post kelkaj jaroj diversaj germanaj popolamasoj sin miksis kun la belga enloĝantaro ; la Eburonoj ekzemple, estis ekskluzive germandevenaj. Kiam, 57 jarojn antaŭ J. K., la Romanoj aperis en nia lando, la preskaŭ tuta enloĝantaro estis germansanga. El ĝia idiomo ekestis la flandra lingvo, kiu nuntempe estas tiu de la plimulto el la Belgoj kaj intime rilatiĝas kun la nord-germanaj dialektoj.

Ĉar la Belgoj tre similis la Gaŭlojn, laŭ la staturo, la bluaj okuloj, la blondaj-flavruĝaj haroj kaj la vivmaniero, la Romanoj ilin interkonfuzis. Tio klarigas la famkonatajn vortojn de Cezaro : *Gallorum omnium fortissimi sunt Belgæ.* (La Belgoj estas la plej bravaj el ĉiuj Gaŭloj).

* * *

Sub la superregeco de la Romanoj la nomo Belgujo restis konservata, kvankam ĝi tute ne samrilatis al la regiono kuŝanta inter la limoj de nia nuna patrujo.

Sur la tiamaj landkartoj oni trovas du Belglandojn. *Belgica prima* kuŝis inter la Mozo, la Rejno kaj la la Mozelo, kaj jam enhavis en la 3a jarcento la urbojn *Colonia Agrippina* (Keulen-Cologne), *Augusta Trevirorum* (Trier-Trèves) kaj *Irolaunum* (Aarlen-Arlon). *Belgica secunda* etendiĝis ĝis la Sejno ; je tiu tempo ekzistis *Corturiacum* (Kortrijk-Courtrai), *Tornacum* (Doornik-Tournai), *Bavacum* (Bavay) kaj *Cassellum Menapiorum* (Cassel).

La parto kuŝanta inter la Skeldo, la Seno (Senne), la Sambro kaj la Mozo estis nomata *Germania secunda* ; en ĝi troviĝis la urboj *Aduatucum Tungrorum* (Tongeren-Tongres) kaj *Mosae Trajectum* (Maastricht).

* * *

Post la disfalo de la roma imperio, la nomo Belgujo malaperis kaj fariĝis intersekve *Franklando* kaj *Lotaringujo.*

(1) Laŭ la vortaro de Boirac kaj de Verax. En Christaller mi trovis *Galloj*, laŭ mi malpli aprobinda, pro la du literoj *l*.

Dum la feŭdala periodo ne ekzistis komuna nomo por niaj regionoj.

Al la imperiestro Karolo Va (1500-1558) ni ŝuldas la nomon *Nederlandoj*, kiun ni posedis kune kun niaj nordaj najbaroj, la Holandanoj. Post la unuiĝo de Utrecht (1579) kiu fakte disigis la nordajn provincojn de la sudaj, la nomo de nia lando estis *hispanaj* aŭ *katolikaj*, kaj en 1715 *aŭstriaj* Nederlandoj.

La humanistoj el la Renesanco ree konigis la nomon Belgujo kiu, ĉirkaŭ 1750 fariĝis pli kaj pli diskonata. Sur la dorsflanko de la tiamaj kupraj moneroj oni legas *Ad usum Belg. Austr.* La brabanta revolucio de 1789 sankciis ĝin ; nia lando alprenis la nomon de *belgaj ŝtatoj* (Belgische Staten, Etats Belgiques). Van der Meersch estis nomata la belga Franklin, kaj Van der Noot la belga Washington. Ambaŭ estis la ĉefoj de la revolucio, kies triumfo ne estis longdaŭra.

De 1795 ĝis 1815 niaj provincoj fariĝis francaj departementoj. Laŭ decido de la Viena kongreso (1815) ili estis kunigataj kun Holando, sub la nomo de *Reĝlando de la Nederlandoj*. La suda parto restis nomata Belglando, kontraste kun la norda, Holando.

En la jaro 1805 estis aperinta la unua *Histoire de Belgique*, verkita de J. B. Dewez, el Namur.

La nomo Belgujo tamen nur oficialiĝis post la revolucio de 1830, kiu donis al nia lando ĝian memstarecon kaj sendependecon. Rimarkinde estas, ke la franclingva adjektivo *belgique* fariĝis *belge*, kaj ke la titolo, alprenita de la unua landestro, ne estas *Reĝo de Belgujo*, sed *Reĝo de la Belgoj*.

AMATUS.

---

# IO PRI GRAMATIKO

La gramatiko esperanta estas mallonga, facile lernebla. Gi sufiĉas por la plena uzado de la lingvo, sed ĝi ne ĉiam kontentigas lernantojn serĉemajn, kiuj deziras multe da klarigoj kaj etendaĵoj. Ili volas koni la kialon kaj la pravon de sia teorio lernita, kaj ili estas pravaj. Mi deziras esti utila al tiaj lernantoj, kaj tial intencas doni al ili kelke da lecionoj.

Hodiaŭ mi komencas donante klarigon pri la devenigado kaj uzado de l'vortoj.

La gramatiko diras : substantivo finiĝas per O ; adjektivo, per A ; verbo, per I ; adverbo, per E. Ekzemploj : *amo, ama, ami, ame* ; kaj serĉema lernanto tuj diras : *arbo, arba, arbi, arbe* ; li tre bone komprenis la signifon de *amo, ama, ami* kaj *ame* ; sed li tute ne povas kompreni la signifon de *arbi*, eĉ ne de *arbe*. Mi diras al li, ke la rekta devenigado estas ĝenerala, sed ke la vortoj ne ĉiuj estas uzeblaj, ke la vorto *arbi*, estas sensignifa. Malpli serĉeman lernanton kontentigus tia respondo, sed ne lin.

Kial *arbi* estas sensignifa, kaj *ami*, signifa? Li aŭskultu min atente ; jen kelkaj principoj :

*a)* Ĉiu vorto havas neprecizan signifon, pli malpli ĝeneralan : ĝin devas precizigi, unuigi la komplementoj kaj vortoj kun kiuj tiu vorto formas propozicion kaj frazon. Ekzemple : kion signifas *granda*? ĉu tiu vorto havas la saman signifon en : *granda ĉevalo* kaj en : *granda muŝo*? Tute ne, vi diros, kaj vi tuj rimarkos, kvankam la gramatiko ne tion diras, ke *ĉevalo* kaj *muŝo* estas veraj komplementoj de *granda*, ĉar ili precizigas ĝian signifon. Vi ankaŭ tuj rimarkos, ke *granda*, kiel ĉiu adjektivo, havas nombron nelimigeblan da signifoj, kaj ke malplej klera homo ne trovas malfacilecon ĝin ĝuste uzi.

Rezonu same por substantivo : *homo* ; por verbo : *lerni* ; por adverbo : *tro*, kaj por ĉiuspecaj vortoj, kaj vi konkludos facile ke la « *kunstaro* » de vortoj devas precizigi ĉies signifon.

Kial kaj kiel? — Tial ke ĉiuj vortoj kunstarantaj en sama propozicio aŭ frazo, per sia interna neprecizа signifo, rilatas unu al alia aŭ al aliaj, kaj devas per tiuj interrilatoj prezenti klare kaj precize la volitan ideon.

Kio okazus, se ĉiu vorto havus ĉiam saman kaj precizan signifon? — Okazus 1e ke ni bezonus senliman nombron da vortoj ; 2e ke saman ideon nur povus esprimi samaj vortoj. Konklude, ke la lingvo ne estus uzebla, ke ĝi estus nek fleksebla nek viva.

Opiniante, ke la serĉema lernanto bone komprenas mian rezonadon, mi esprimas jene la ĉefan lingvan principon : La kunstarado de vortoj en propozicioj kaj frazoj precizigu la signifon de ĉiu vorto, kaj igu la ideesprimon klara, ĝusta, kaj egala al la idenaskiĝo.

Sammaniere mi povas pruvi ke « la kunstarado de propozicioj en sama frazo, de frazoj en sama ĉapitro, de ĉapitroj en sama libro, de ideoj en sama idearo sin devas interklarigi, interĝustigi, interprecizigi, por fariĝi volita tuto.

Tio estas la granda leĝo nomita : rilatoj inter la ideoj. Al tiu leĝo gramatiko devas obei, ne ordoni ; ĝi devas faciligi ĝian aplikadon, kaj ne povas ĝin kontraŭstari.

*b)* Tiu leĝo koncernas ankaŭ kaj regas tute la formojn, kiujn laŭcirkonstance prenas la vortoj.

Ni ekzamenu la verbon : La verbo estas ago ; *ami* estas ago, tiu ago nomiĝas nature *amo*. La verbo estas ankaŭ estmaniero ; estmaniero estas kvazaŭ kvalito, kvalito karakterizata de ago, ĉar la ideon ago oni ĉiam rimarkos en *ami* ; do la estmaniero esprimata en *ami* estos la adjektivo *ama*, kaj se la estmaniero koncernas ne objekton, sed agon kaj kvaliton, oni ĝin esprimos adverbe : *ame*.

Oni do vidas ke, de verba radiko, devenas nature kun signifo de sama ideo : substantivo, adjektivo, adverbo. La substantivo *amo* signifas nature la agon *ami* ; la adjektivo signifas nature la

estmanieron *ami*; la adverbo *ame* signifas nature la estmanieron aŭ la farmanieron *ami*.

Ni ekzamenu la adjektivon : La adjektivo estas kvalito ; *granda* estas kvalito, tiu kvalito nomiĝas *grando*. La kvalito povas sin prezenti al mia spirito dumaniere : 1° apartenanta al io preciza : *la granda Dio* ; tion oni esprimas esperante per sufikso *eco* kiu signifas *esto* : *grandeco de Dio* ; la sufikso *eco* aldonas al la adjektivo verban ideon, (ĉar verbo estas estmaniero) kiun tute ne havas la adjektivo per si mem. 2° kiel memekzistanta en io sen ideo verba de estmaniero : *la* **grando**, *la* **bono** *kiu kuŝas en Dio,* **la utilo** *kiu kuŝas en io. Ofte estas* **bono** *en* **malbona** *objekto*.

Oni do vidas ke, de radiko adjektiva, devenas rekte kaj nature substantivo, ne verbo, ĉar estas en adjektivo substantiva ideo, ne verba.

Ĉar adjektivo estas kvalito, kaj ĉar verbo kaj adjektivo mem povas havi kvaliton, la adjektivo povas sin prezenti adverboforme.

Mi ekzamenu la substantivon. La substantivo esprimas objekton, ne ideon verban de ago kaj de estmaniero, ne ideon adjektivan nek adverban de kvalito. Ĝi do povas formi rekte kaj nature nek verbon, nek adjektivon, nek adverbon respondantan al sia signifo : ĝi ne enhavas ideon de ago nek de kvalito.

*La fino aperos en la proksima numero*). FRATO IZIDORO.

---

# Rerigardo al la jaro 1910

de **ARNOLD BEHRENDT**

(*El «Germana Esperantisto», januaro 1911*)

Du faktoj — ŝajnas al mi — precipe karakterizas la esperantistan movadon dum la jaro 1910 : la kompare al la antaŭaj jaroj pli multnombraj oficialaj aproboj de Esperanto, kaj la eniĝo de Esperanto inter la junularo. La 6an internacian kongreson de Esperanto, kiu okazis de la 14a ĝis la 20a de aŭgusto 1910 en Washington, ĉeestis oficialaj delegitoj el 16 landoj : Usono (armeo, maristaro), Ecuador, Luisiana, Ĥinujo, Hispanujo, Honduras, Meksikujo, Persujo, Rusujo, Urugvajo, Kostarika, Guatemala, Brazilujo, Suda Karolina, Oregon kaj Florida. Kiel faris en 1909 la hispana ministro de la eksterlandaj aferoj, tiel ankaŭ Usono estis sendinta, laŭ diplomata vojo, invitojn al ĉiuj registaroj.

Ĉe la kongresoj en Barcelona (1909) Belgujo, Usono kaj Norvegujo, — en Dresden, (1908) Usono kaj Japanujo, — kaj en Cambridge (1907) Belgujo estis oficiale reprezentataj. Speciale rimarkinda estis la partopreno de la oficialaj personoj de la amerikaj ŝtatoj : la prezidanto de la oficejo de la amerikaj respublikoj,

samtempe prezidanto de la Ligo Esperantista, prezidis la 6an kongreson, kaj tiumaniere esprimis la aprobon de ĉiuj amerikaj respublikoj ; tiu aprobo estis ankoraŭ sankciata per la akcepto de la kongreso en la oficiala palaco de la amerikaj respublikoj. La usona estraro mem montris sian simpation kaj oficialan aprobon al la kongreso per la akcepto de la delegitoj, de la ŝtata sekretario de la Eksterlandaj Aferoj. En Washington la ministro de la Terkulturo tiel grave taksas Esperanton, ke li instruigas ĝin al siaj oficistoj. — En Meksikujo la ministro de la Publika Instruado sendigis al si oficialan raporton pri la Barcelona kongreso. — El la ŝtato Maryland estas sciigite, ke la leĝo de la 11a de aprilo 1910 enkondukas la laŭvolan instruadon de Esperanto en la normalajn kaj publikajn lernejojn. — La konsilantaro de Louhans (Francujo) aprobis la decidon, ke Esperanto estu enkondukata en la publikan instruadon. — La oficejo de la Publika Instruado en London permesis la instruadon de Esperanto en la vesperaj kaj teĥnikaj lernejoj, kaj dum la jaro 1908/1909 aprobis 33 kursojn.

En oficiala loko oni menciis Esperanton, nome en la saksa parlamento, kie la 28/4 kaj la 2/5 1910 deputato pruvis la grandan gravecon de Esperanto por la instruado kaj la komerco. — La oficiala partopreno de multaj urboj sin montris per la konsiderindaj monhelpoj, donitaj al la grupoj por propagandaj celoj. Francujo okupas la unuan vicon : citindaj estas la urboj : Le Creusot, Toulouse, Condé, Armentières, Le Puy, Limoges, Saint-Omer, Toulon, Beaune, Rouen ; el Hispanujo : Bilbao, Barakaldo ; el Aŭstrujo-Hungarujo : Prag, Pilsen ; el Germanujo : Hannover ; el Belgujo : Antwerpen.

* * *

La eniĝo de Esperanto inter la junularo estas naturkonforma rezultato de la agema partopreno de la instruadestraroj ; sed ankaŭ tie, kie ne ankoraŭ tiu partopreno estas konstatebla, la gvidantoj de la estonteco ekmoviĝas. Ne nur en popollernejoj, reallernejoj kaj gimnazioj, sed ankaŭ en fakaj lernejoj, teĥnikaj akademioj kaj universitatoj, laŭvola instruado estas akceptata, kiu tie ĉi kaj tie fariĝis deviga. El Germanujo estu citataj la jenaj urboj,kiuj produktis bonajn rezultatojn ĉe lernejoj : Deuben, Coswig e/S, Hannover, Magdeburg ; plie Doehlen, Münster e/V. En multnombraj mezgradaj lernejoj en Brazilujo oni instruas Esperanton, en Rio de Janeiro en ĉiuj. Ankoraŭ estas citindaj la urboj Moskvo (reallernejo), Maastricht ; en Aŭstrujo-Hungarujo : Pelĉ (gimnazio), Nagyvàrad (same), Litovel (reallernejo) ; en Hispanujo : Terracassa, Vic ; en Meksikujo : Tezintlan ; en Nord-Karolina : Raleigh (publikaj lernejoj); en Bulgarujo : multnombraj mezgradaj lernejoj, ankaŭ en Dupnica (gimnazio) kaj Pleven (same). Specialan mencion meritas laŭ tiu vidpunkto Francujo : en Bordeaux oni instruas Esperanton kiel

devigan fakon ; en Lille oni instruas ĝin ĉe la elementaj kaj superaj lernejoj unuagradaj ; ĉiujare okazas ekzamenoj ; la lastan plenumis 397 el la 445 gekandidatoj (1910).

Sed ankaŭ ekster la lernejo oni sin okupas pri Esperanto en la lernantaj rondoj ; tion montras la *Unuiĝoj de junaj esperantistoj* en multaj urboj : ekz. Washington, Haag, Brisbane, Veronesch, Bochnia, Varsovio, Grosnij, Belgrad, Nisch, Bukuresti, Kopenhago ; Huttwil kaj Bautzen (Svisujo) kiuj naskiĝis dum 1910 ; plie la *Federacioj de junaj esperantistoj* en Francujo, Anglujo (nove fondita), Belgujo (same), Germanujo (same). En Anglujo estas ĉefe ĉe la *Boy Scouts* (junula gvardio), ke Esperanto trovis entuziasman akcepton.

Tiamaniere mi malproksimiĝis de la preparaj lernejoj. Mi reiru al ili kaj konsideru la fakajn lernejojn. Esperanto estas de nelonge instruata en la komerca lernejo de Madera en Prag, en la industria lernejo por knabinoj en la bohema urbo Ĉes Bedejovice (oficiale !), en la urba komerca lernejo de Hildesheim, en la privata komerca lernejo de Lodz kaj en la lernejo por junaj komercistoj de Bukuresti. Krom tio Esperanto trovis, parte per fondo de grupoj flanke de la studentoj aŭ per instruado prizorgata de la instituto, eniron en la jenajn lernejojn, akademiojn kaj universitatojn : seminario por instruistoj en Lübeck, imperiestra reĝa teĥnika supera lernejo en Wien, Viena komerca akademio, universitato en Belgrad, Ateneo por literaturo kaj sciencoj en Madrid, teĥnika lernejo Carnegie en Pittsburgh, universitatoj en München, Königberg e/P, Leipzig, Prag, germana komerca akademio en Prag, supera komerca lernejo en Leipzig, Humboldt-akademioj en Breslaŭ kaj Berlin, libera supera lernejo en Berlin, teĥnika universitato en Charlottenburg, universitatoj en Moskvo, Charkow, Zagreb, Graz, Sofia ; veterinara instituto en Varsovio, teĥnika instituto en Kadis, imperiestra arbarinstituto en Petersburg, teĥnika komerca lernejo en Vejle (Danujo), teĥnologia instituto en Tomsk, teĥnika lernejo en Darlington, reĝa industria akademio en Chemnitz. La vigla partopreno de la studentoj ĉiulandaj ne mirigos, ke jam estas fonditaj du internaciaj studentaj unuiĝoj : *Ĉiostudenta asocio* (sidejo en Luhaĉovice, Moravia-Aŭstrujo), kaj *Universala studenta asocio* (sidejo en Budapest).

Sur la teritorio de la instruado la blindulinstruado okupas tutspecialan lokon. Per tiu ĉi artikolo mi ne povas klarigi kial Esperanto estas bonfaro ĝuste por tiuj plej bedaŭrindaj inter la bedaŭrinduloj ; mi nur povas konstati, ke ciam pli kaj pli la blinduloj aliĝas al nia novado. Mi nur citas la blindulinstituton Vatra Luminoasa en Rumanujo, la blindulasocion Trigueros en Meksiko, la blindulinstituton de Klar en Prag, kie ĉie per la instruado de Esperanto lumo kaj ĝojo eniras la malhelan, nebulan mondon de niaj bedaŭrindaj proksimuloj ;

same estas en Christiania kaj Bukuresti. (¹) En instruistaj rondoj mem la intereso por la movado kreskas. Antaŭ ĉio devas esti citata la *Esperanto Vereinigung von Lehrern höherer Schulen Sachsens* (Esperanto Unuiĝo de instruistoj ĉe superaj lernejoj en Saksujo) (sidejo en Riesa a/E), kiu celkonscie klopodas varbi la tutan instruantaron.

* * *

Rimarkindaj progresoj estas efektivigitaj inter la komercistoj kaj industriistoj. Multnombraj gravaj firmoj publikigis katalogojn en Esperanto ; neeble estas nomi ĉiujn : la citado de la firmoj Heinrich Ernemann en Dresden (fotografaj artikloj), Hartmann & Braun en Frankfurt a/M. (elektra teĥniko), Clément-Bayard en Levallois-Paris (aŭtomobil-kaj aeroplanfabrikejo) sufiĉe pruvas, ke grandaj firmoj alte taksas la valoron de Esperanto. La plej granda nombro de la komercaj ĉambroj en Hispanujo kaj Francujo favoras nian aferon, kelkaj el ili jam korespondas Esperante. El la germanaj komercaj ĉambroj sekvis la fervoran al Esperanto ekzemplon de la ĉambro en Bromberg tiuj en Kassel, Karlsruhe i/B, Liegnitz kaj Schweidnitz. La *Internationale Gesellschafft zur Förderung des kaufmännischen Unterrichtwesens* (Internacia asocio por helpo en komerca instruadfako) en Bern (Svisujo) presigis la programon de sia 9a kongreso germanlingve kaj Esperante. — En Saint-Etienne estas fondita eksporta firmo por hejmaj produktaĵoj, kiu uzas Esperanton por siaj eksterlandaj rilatoj. — La *Kaufmännischer Verein* (komercista unuiĝo) en Frankfurt a/M dissendis cirkuleron, Esperante redaktitan, celantan interhelpon por trovi komercajn oficojn. — El Portland (Oregon) oni sciigis interesan fakton pri la utileco de Esperanto : la en Portland ekzistanta organizacio de la komercistaro publikigis malgrandan anoncon en *Amerika Esperantisto* kaj ricevis kvinfoje pli da petoj, ol post iu ajn alia anonco. Fine estu ankoraŭ citate, ke en Saksujo naskiĝis unuiĝo por la propagando de Esperanto en komerco kaj industrio, al kiu jam nun apartenas multnombraj gravaj firmoj.

* * *

Rilate al la interkomunikoj la jaro 1910 alportis kelkajn interesplenajn faktojn. En Aŭstrujo la ministrejo de la fer-

(¹) Specialan mencion meritas la *Reĝa Blindulinstituto* de Woluwe (Brussel), kie Esperanto estas instruata de 1907. Inter la Woluwaj blinduloj ekzistas tre agema grupo ; ĝi havas bibliotekon de libroj en Esperanto, Braille presitaj kaj regule interkomunikiĝas kun siaj diversnaciaj samsortanoj. Ilia ĉefa gvidanto estas Frato Isidoro, kiu dum la Blindulkongreso de Napoli (1910) naskis grandan intereson pri Esperanto, kaj sukcesis skribigi sur la tagordon de la kongreso okazonta je la fino de nuna monato en Kairo la jenan temon : *Ĉu la alpreno de Esperanto kiel lingvon internacian por la blinduloj estas jam eksperimentata kaj, se jes, kiujn rezultatojn praktikajn oni povas jam montri ?*

N. DE LA TRAD.

vojaro atentigis siajn oficistojn pri la internacia lingvo Esperanto, kaj rekomendis al ili ĝian lernadon. — En Boxtel (Nederlando) fondiĝis grupo de fervojistoj por la studado de Esperanto. Citinde estas, ke la plimulto el ili interesiĝis je Esperanto pro diversaj informoj, esperantlingve petitaj de vojaĝantoj. — La oficejo por la interrilatoj kun eksterlandanoj en Budapest, Augsburg kaj Godesberg akceptis Esperanton. — Dum la ekspozicio de mahomeda arto en München ekzistis informejo por esperantistoj. La prospektoj de la ekspozicio estis publikigataj ankaŭ en Esperanto. — Dum la tutmonda ekspozicio en Brussel, Esperanto estis uzata en la informejo pri loĝejoj. — — En Aŭstralio la *Intelligence and Tourist bureau* (oficejo por informoj kaj turismo) uzas Esperanton, kun la permeso de la kompetenta ministro. — La sekcio pri turismo kaj higieno de la New-Zealanda registaro eldonis broŝuron anglalingvan kaj Esperantan. En la aludita sekcio la oficistoj estas devigataj lerni Esperanton. — La famkonata firmo Thos. Cook & Son en London organizas vintrajn sportojn por Esperantistoj en Champéry. (*La fino sekvos.*)

Kun la afabla permeso de la aŭtoro
AMATUS
esperantigis.

# NEKROLOGIO

## Lev Nikolajeviĉ Tolstoj
## (1828-1910).

Rapide rajdas la mortintoj...

Tiu verso de la granda germana poeto revenis al mia memoro ĉe la pripenso al la granda geniulo, kiun la civilizita mondo antaŭ nelonge perdis.

Jam pli ol du monatoj pasis de tiam, kaj B. E. plenumas sanktan devon, rememorante — eble iom malfrue ! — la ploratan malaperinton.

Ĉiuloke estas konata la ampleksa verkaro de la eminenta pensulo, kies idealo estis la homara progreso, la triumfo de la justeco kaj de la socia paco.

Ankaŭ por la esperantistaro la morto de Tolstoj estas granda perdo. Li estis varma kaj vigla apoganto de la Zamenhofa lingvo, pri kiu li iam diris : *La kvanto da tempo kaj da peno, kiun oni dediĉas al Esperanto, estas tiel malgranda, kaj la akirotaj rezultatoj estas tiel konsiderindaj, ke neniu povas heziti fari tiun pruvon.*

Tolstoj restis fidela al Esperanto ĝis la fino de sia vivo.

La esperantistoj pie konservos lian memoron.

La granda apostolo de la tutmonda interkonsento ripozu en paco ! AM.

# PROBLEMOJ[1]

10. **Ŝarado** : Vokalo — mordetema besto (radiko) — metalo. Entute : Parolanto en publika kunveno.

11. **Interŝanĝo de literoj**. — Avo — arta — rifo — diri — neĝo — tablo — logika — man — bopatro — eligi — tinio.

Formetu unu literon de la unua vorto kuj aldonu ĝin al la dua vorto. Same depreuu unu literon de la dua por doni ĝin al tria ; — unu de la tria al la kvara, k. t. p. La litero elmetita de la lasta vorto estos donata al la. unua. Poste anagramigante, vi formos novajn vortojn, kiuj signifos : Poseda adjektivo — pli ol sufiĉa — agi — ago de gajeco — malhelpi — ŝipeto — altiri al iokorpaj muskoloj — ligna vegetaĵo — moviĝi sur glata supraĵo – parazito.

12. **Logaritmo**. — La homa 72189 ne ŝovas sin, kiel 4519 ; sed, kiel potenca 5769 ekfluganta en la 42491, tiel ĝi mirinde alteniras.

En kiu ajn fako, ĉu scienca, ĉu 4268785, ĉu arta k. t. p. 12189 povas certe 566978 la homojn ol la sincera esplorado de la vero.

6878 signifas : fiksi per ŝnuro, 53 figure, per kiu ajn 678769. De tio ŝajne devenas la popola diro pri tiu kiu edziĝis « li metis la ŝnuron ĉirkaŭ sian kolon ».

Sufiĉas, ĉu ne ? por ke vi trovu sen dolora 123456789 la solvon de tiu ĉi logaritmo.

PLANTANO.

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Belga Esperantisto**. La du unuaj jarkolektoj de nia gazeto estas aĉeteblaj ĉe la sekretario de la redakcio, S-ro Frans Schoofs, 45, kleine Beerstraat, Antwerpen (rue de la Petite Ourse, Anvers). Prezo : 1908-1909, Fr. 4.50 ; — 1907-1910, Fr. 4.25.

**Urbo Antverpeno, Publika popola biblioteko**. La publiko jam povas disponi la esperantajn librojn, pri kiuj ni parolis en la januara numero de B. E. La katalogo de la biblioteko enhavas 80 verkojn en Esperanto, el kiuj la plimulto estas literaturaj. Ĝi ricevas plie la jenajn revuojn : *Belga Esperantisto*, *Lingvo Internacia* kaj *La Revuo*. Ĉiuj personoj,

---

(1) Oni sendu la solvojn, antaŭ la 25a de marto 1911, al S-ro FRANS SCHOOFS. sekretario de la Redakcio, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen, (45,rue de la Petite Ourse, Anvers.) Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 3a jarkolekto estos publikigataj la nomoj de la solvintoj. Onis povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

kiuj loĝas en Antverpeno de almenaŭ unu jaro, kaj kiuj estas pli ol dekkvinjaraj, povas pruntepreni librojn.

La biblioteko estas malfermata ĉiujn labortagojn de la 10a ĝis la 16a ; sabate de la 9a ĝis tagmezo.

**Internacia Ligo de Poŝtoficistoj.** — Tiu ligo, fondita la 22an de januaro en Dresden, celas kunligi ĉiujn esperantistajn kolegojn de ĉiuj landoj, ĉar per speciala ligo de Poŝtistoj la Registaroj pli volonte donos al ili la permeson porti sur sia uniformo la Esperantan signon. La « I. L. d. P. » eldonos depost januaro specialan presitan gazeton kun titolo « Poŝta Esperanto », en kiu ĝi intencas publikigi ĉion, kio interesas Esperanton kaj la Poŝton. Precipe ni petas nin informi pri ĉiu speciala kurso por poŝtistoj kaj citi al ni la nomojn kaj detalajn adresojn de ĉiuj poŝtistoj sciantaj Esperanton, por ke ni povu ilin gajni por nia ligo. Kolegoj de ĉiuj ŝtatoj aliĝu tuj nian ligon kaj postulu senpage nian regularon kaj provnumeron de nia ligorgano de S-ro PAŬLO SCHMIDT, Dresden, Herbertstr. 23.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la izolitajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 25, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre dankeme nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO. — Inter la studentoj de la Supera Instituto de Komerco** komenciĝis la esperantista movado. Nia pola amiko, S-ro Kazimiro Rybezynski, de Varsovio, organizis la 15an de decembro sukcesplenan kaj interesegan paroladon, faritan de nia bone konata samideano, S-ro Prof. Fr. Swagers, kaj, de la 7a de januaro malfermis kurson en la kunvenejo de la pola societo de studentoj. Dekkvino da liaj diversnaciaj kamaradoj ĉeestas la instruadon.

Ni deziras plenan sukceson al la laŭdinda entrepreno de nia simpatia samideano Rybezynski kaj esperas ke liaj klopodoj konduku al la organizo de konstanta kurso de Esperanto en la antverpena komerca universitato.

— **Ĉe la oficiroj.** — La 21an de januaro S-ro leŭtenanto N. Bernaert parolis antaŭ la oficiroj de la milita veturilistaro pri la temo : *La internacia lingvo kaj la armeo.*

La sukceso de la oratoro estis tre granda ; liaj kamaradoj tre ege interesiĝis pri la Zamenhofa lingvo, kiujn kelkaj el ili, ĝis nun skeptikaj, baldaŭ eklernos. La parolinto disponis la librojn, broŝurojn, gazetojn de de la rondiranta ekspozicio de la B. L. E., kaj tiel fakte pruvis la grandan disvastigadon kaj la konstantan kreskadon de la esperantista movado.

— **Ĉe la profesora societo « Regentenkring ».** Jaŭdon, la 12an de januaro ĉe la profesora societo « Regentenkring » S-ro Prof. Ad. Finet faris tre interesan kaj lertan paroladon pri Esperanto kaj la esperantista movado. Krom la ĝeneralaj konsiderajoj pri la nepra utileco de helpa lingvo internacia, kaj la interesa komparo de diversaj lingvaj prokjektoj, —

krom kelkaj konvinkodonaj ekzemploj pri la facileco kaj belsoneco de Esperanto, S-ro Finet konsideris la esperantistan movadon laŭ la pli speciala vidpunkto de la instruisto, de homo, kiu ĝis nun devis oferi al la studado de fremdaj lingvoj multan tempon, monon, laboron, kiujn li pli efikė estus dediĉinta al scienca aŭ pedagogia studado. Li atentigis siajn kolegojn pri la granda ŝparo de tempo kaj la simpligo por la instruado, se, krom la gepatra lingvo, nur estus instruata unu helpa lingvo internacia. La parolinto ankaŭ anoncis la 7an internacian kongreson de Esperanto kiu baldaŭ okazos en Antverpeno, kaj instigis siajn aŭdantojn al la tuja lernado de Esperanto, por ke ili ĝuu la plezuron tiam interkonatiĝi kun siaj eksterlandaj kolegoj kaj fari al ili indan akcepton.

Oni varme aplaŭdis la sindonan paroladinton.

— **Fervoro.** — Tiu ĉi juna, sed jam tre agema grupo regule ĉiumarde kunvenas en la Supera Unuagrada Lernejo (strato Oudaen), kiun la Urbestraro afable metis je ĝia dispono. La instruado estas farata de nia vigla kaj simpatia samideano S-ro L-to Bernaert. Ĉiu leciono enhavas du partojn : unue oni klarigas la ĉapitretojn de la bonega libreto *La ĉiutago vivo,* kaj fine oni legas kelkajn paĝojn el la teatraĵo *Kaatje.*

Antaŭ kelkaj semajnoj la grupo organizis en la *Hôtel Métropole* brilan festmanĝon, kiun ĉiuj Fervoranoj ankoraŭ kun ĝojo memoras.

Preskaŭ ĉiuj membroj de *Fervoro* jam aliĝis la Sepan Universalan Kongreson de Esperanto : ĉiuj abonis nian revuon.

— **La Verda Stelo.** — *Ĉiujara ĝenerala kunsido.* — La ĉiujara ĝenerala kunsido de la Verda Stelo, okazinta la 25an de januaro 1911 en la grupa sidejo « Zamenhof » sub la prezidanteco de S-ro Frans Schoofs, estis multnombre ĉeestata.

Multe aplaŭdata estis la raporto pri l' agado de la grupo dum 1910 tial ke pri tiu agado oni povas sufiĉe kontentiĝi.

Festena vespermanĝo estos prizorgata por rememorigi la 28an de januaro 1911 la kvaran datrevenon de la grupfondado.

Tre interesplenaj interparoladoj okazis pri la 7a internacia kongreso de Esperanto, pri la 3a belga kongreso esperantista kaj pri loka propagando.

Post elekto de kvar komisarioj la grupo decidis doni premion de fr. 50. en la literatura konkurso de la 7a kongreso. Je la finiĝo de la kunsido la vizito de kelkaj anoj de A. G. E. tre ĝojigis la ĉeestantaron.

La kunsido finiĝis je la 23a h. kun ludado fortepiana de « l' Espero ».

— La festeno de la grupo, okazinta la 28an de januaro bone sukcesis, kaj la ĉeestantaj ĵurnaldelegitoj faris raporton favoran en siaj gazetoj.

Dum la festeno oni havis belan muzikprogramon.

Je la fino la prezidanto dankis la ĵurnaldelegitojn pro ilia ĉeestado kaj pro la helpo de la gazetoj kaj esprimis la esperon ke la ĵurnalaro ankoraŭ multe estu favorema al nia movado, precipe okaze de la estonta internacia kongreso.

La « Suda Lumo » sendis afablan gratulleteron al la fervora grupo « La Verda Stelo » kaj S-ro O. Van Schoor, prezidanto de la A. G. E. kun du aliaj membroj vizitis la festantan grupon la vesperon de la festeno ; unuvorte, la dirita festeno ne nur estis grupa agrablaĵo sed ankaŭ efika priĵurnala propagandilo.

—La grupanoj estas insiste petataj ĉeesti la ĉiumonatan ĝeneralan kunvenon, kiu okazos merkredon, la 22an de februaro, je la 8 1/2 a vespere en la kafejo « Zomerhof », 30, Dageraadplaats (Place de l'Aurore).

*Tagordo :* 1. Raporto pri la antaŭa kunveno. — 2. Propagando. — 3. Novaj kursoj. — 4. Literatura konkurso de la VIIa kongreso. — 5. Le 3a belga kongreso. — 6. La 7a internacia kongreso. — 7. Interesaj informoj.

**BOOM.** — Merkredon, la 11an de januaro, okazis la ĉiujara ĝenerala kunveno de la tiea grupo.

S-ro Jul. Clerbaut ĝin prezidis. Post bonveno kaj danko al la ĉeestantaro li esprimis koran saluton al S-ro Alf. Mathijs, fondinto de la grupo, kiu, kvankam loĝante en Gento, restis membro de la societo kaj kiu, nunmomente certe, se ne korpe, almenaŭ spirite, estas kun siaj Boom'aj amikoj. La simpatia prezidanto ĝoje konstatas, ke la grupo ĉiam kreskas kaj progresadas.

S-ro J. Verbruggen klarigas la regularon de la grupo al la novuloj kaj S-ro K. Bal, kasisto, konigas la financan staton.

La plej interesa parto estis la legado de la agadoj de la grupo dum la pasinta jaro. Tiu raporto, verkita de la sindona kaj nelaciĝebla sekretario, S-ro Kam. Babilon, estas hektografiita kaj disdonata al ĉiuj grupanoj.

Ni ĉerpas el ĝi ke la grupo euhavas 29 membrojn kaj malfermis, la 9an de decembro, novan kurson (la 4an de ĝia ekzistado), kiu estas la plej regule ĉeestata ĝis nun. La grupanoj kunvenas ĉiumerkrede, je la 9a vespere, en la *Hôtel de l'Univers* ; dum la lasta tempo paroladetoj de la membroj igis tiujn kunsidojn tre interesaj. Intersekve aŭdigis sin F-ino Maria Verbruggen, S-roj Ernest Roscam, Jules Clerbaut, Karel Struyf, Alfons Spillemaekers, Jan Verbruggen k. c. Krom tio, diversaj membroj renkontiĝas ĉiusabate je la 9a vespere en la sama kunvenejo por perfektiĝi en la praktika uzado de Esperanto.

La grupo utilis la lokan ĵurnalaron par diskonigi la malfermon de sia kurso kaj publikigis rimarkindan artikolon pri Esperanto en « De Aankondiger » de la 28a de oktobro.

Dek el ĝiaj membroj partoprenis en la Bruĝa kongreso.

La financa stato estas tre kontentiga, malgraŭ kelkaj eksterordinaraj elspezoj. La grupo pagis 5 spesmilojn por subteni la 7an kongreson.

Finiĝante, S-ro Babilon faras varman alvokon al siaj kungrupanoj por ke ili multnombre partoprenu en la 3a belga kongreso, okazonta en Charleroi (4-5 junio) kaj esprimas la deziron, ke neniu el ili preterlasu ĉeesti la tutmondan esperantistan kongreson, kiun oni nuntempe preparas en Antverpeno.

Ne forgesinda detalo : **Ĉiuj membroj de la Boom'a grupo abonis « Belga Esperantisto ».**

---

## Het Esperanto in den Vreemde

**BALKANLANDEN.** — De esperantische beweging maakt goeden vooruitgang in de Bulgaarsche steden Dupinaca, Hoskov en Sofia ; in deze laatste stad werd onlangs een esperantische werkliedenvereeniging gesticht. Eveneens in Rumenië : te Bukarest ontstond eene groep onder de Bulgaarsche studenten, in het steedje Roŝkani hield Mev. Maria Vivoski onlangs een welgelukte voordracht, die de oprichting van een esperantischen kring ten gevolge had.

De dagbladpers van Bukarest, die zich lang onverschillig aan onze zaak getoond heeft, neemt thans artikels op, die onze beweging voordeelig zijn.

**BRAZILIË.** — Uit *La Movado* : Indien er een land is waar de openbare

## L'Esperanto à l'Etranger

**PAYS BALKANIQUES.** — Le mouvement espérantiste est en grand progrès dans les villes bulgares Dupinaca, Haskov et Sophia ; dans cette dernière ville on vient de fonder une société d'ouvriers espérantistes. Il en est de même en Roumanie ; à Bucarest a été organisé un groupe espérantiste entre les étudiants bulgares. Dans la petite ville de Paŝkani M^me^ Maria Vivoski a fait une conférence très réussie, qui a donné lieu à la fondation d'un cercle espérantiste.

La presse de Bucarest, qui s'est montrée longtemps indifférente à notre cause, insère maintenant des articles favorables à l'Esperanto.

**BRESIL.** — De *La Movado* : S'il est encore un pays où l'Esperanto fait

besturen hunne belangstelling aan het Esperanto betoonen is dit wel Brazilië. Men oordeele :

Een minister, de hr. Tavares de Lyra, heeft vóór eenige jaren het eerste Braziliaansch esperantisch congres voorgezeteld ; een ander minister, de hr. Lauro Müller heeft het gebruik van het Esperanto voor de telegrammen bekrachtigd ; een derde heeft een officieel verslag in Esperanto over een belangrijke tentoonstelling laten drukken. De minister van Oorlog, de hr. Hermes de Fonseca, (onlangs tot voorzitter der Republiek gekozen) en generaal Bormann hebben afgevaardigden naar de Braziliaansche esperantische congressen gestuurd en de toelating verleend Esperanto in de krijgsscholen te onderwijzen; de minister van Binnenlandsche Zaken heeft een bijzonderen vertegenwoordiger, den hr. Mella Sousa, naar het VI^e congres te Washington gezonden ; te Rio de Janeiro worden leergangen van Esperanto in al de modelscholen gegeven ; de officieele commissie, door de Regeering aangesteld, heeft eenparig het ontwerp van besluit van Graaf Alfonso Colso gestemd, strekkende om het onderwijs van Esperanto bij de openbare scholen in te voeren, enz.., enz...

**DUITSCHLAND.** — In Beieren en Saksen werden onlangs landelijke bonden van de *Algemeene Katholieke Esperantische Vereeniging* gesticht, waarvan bovendien zich nog leden bevinden in verscheidene steden van Oostenrijk, Baden, Rijnland en Westfalen. Merkwaardig is het feit, dat de pauselijke gezant in Beieren de aandacht der Duitsche bisschoppen op het Esperanto getrokken heeft en daarover aan den Heiligen Vader verslag heeft uitgebracht. De vereeniging zal eerlang het tijdschrift uitgeven *Monatsblätter für katholischeEsperantisten.*

Gedurende het nationaal congres, dat op 5-6 Juni te Lübeck zal gehouden worden, zal men bepaald den *Duitschen bond der jonge Esperantisten* stichten. Voor inlichtingen zich te bevragen, 96, I, Türkenstrasse, München.

— Nieuwe groepen en leergangen werden ingericht te Celle, Hildesheim, Kaiserslautern, Karlsruhe i/Bad, Lübeck (Roode-kruis), M. Gladbach, Münster (*Schüler - Esperanto - Grupo Oberrealschule*), Seifhennersdorf, Stettin en St. Ingbert.

— In vele Duitsche steden werd de 51^e verjaardag van Dr Zamenhof schitterend gevierd.

— Zeer voordeelige artikels over Esperanto verschenen o. a. in de volgende bladen : *Kreisblatt* (Lübeck), *General-Anzeiger* (id.), *Deutsche Reichspost* (Stüttgart), *Wernigeröder Zeitung*, *Zeitschrift für Fabrikanten*

des progrès considérables dans les sphères gouvernementales, n'est-ce pas au Brésil ? Qu'on en juge :

Un ministre, M. Tavares de Lyra, a présidé, en personne, il y a quelques années, le premier congrès espérantiste brésilien; un autre ministre, M. Lauro Müller, a sanctionné l'usage de l'Esperanto dans les télégrammes et un troisieme, l'impression en Esperanto du rapport officiel sur une importante exposition. Le ministre de la Guerre, M. Hermes de Fonseca, (qui vient d'être élu président de la République) et le général Bormann ont envoyé des représentants aux congrès espérantistes brésiliens et ont autorisé l'introduction de l'Esperanto dans les écoles militaires ; le ministre de l'Intérieur a envoyé un délégue spécial, M. Mella Souza, au VI^e congrès d'Esperanto à Washington ; à Rio de Janeiro des cours d'Esperanto ont lieu dans toutes les écoles modèles, la commission gouvernementale d'enquête pour la réforme des méthodes d'éducation a voté à l'unanimité un projet de résolution du comte Alfonso Colso, tendant à l'enseignement de l'Esperanto dans les écoles publiques, etc., etc.

**ALLEMAGNE.**—En Bavière et en Saxe viennent d'être fondées des ligues nationales de l'*Union générale des catholiques espérantistes,* qui compte en outre des membres dans diverses villes d'Autriche, de Bade, des pays rhénans et de Westphalie. Le fait, que le nonce apostolique de Bavière vient d'attirer l'attention des évêques allemands sur l'Esperanto et qu'il a envoyé un rapport sur la question au Saint-Père est absolument remarquable. Sous peu la société publiera la revue *Monatsblätter für katholische Esperantisten.*

A l'occasion du congrès national des espérantistes allemands, qui se tiendra à Lübeck, le 4-5 juin, sera fondée définitivement la *Ligue allemande des jeunes espérantistes.*

— De nouveaux groupes ont été fondés et des cours ont été organisés à Celle, Hildesheim, Kaiserslautern, Karlsruhe^e/Bade, Lübeck, (Croix Rouge), M.-Gladbach, Münster (*Schüler-Esperanto Gruppe-Oberrealschule*), Seifhennendorf, Stettin et St Ingbert.

— L'anniversaire de Dr Zamenhof a été fêté brillamment dans un grand nombre de villes allemandes.

— Des articles, très favorables à la cause espérantiste, ont paru e. a. dans les journaux suivants : *Kreisblatt* (Lübeck), *General Anzeiger* (id.), *Deutsche Reichspost* (Stuttgart), *Wernigeröder Zeitung*, *Zeitschrift für Fabrikanten*

*und Händler* (Sangerhausen), *Bankbeamten Zeitung* (Berlin), *Dokumente des Fortschritts* (id.), *en Deutsche Warte* (id.).

— Een nieuw veld werd in Duitschland voor onze zaak veroverd : de zegetocht van het Esperanto heeft de spoorwegbeambten bewogen onze taal aan te leeren en te verspreiden ; door de zorgen van den hr Otto Glade, statieoverste te Küllenbahn bij Elberfeld, werd de stichting ontworpen eener internationale vereeniging der esperantische spoorwegbeambten. Reeds op 2 October 1910 ontstond de *Vereinigung deutscher Eisenbahn-Esperantisten*, welke voor orgaan heeft « Fervojo-Esperantisto ». (Uitgever Paul Fehlenberg, Küllenbahn-bij-Elberfeld).

*Germana Esperantisto* bevat in zijn Januari-nummer een warmen oproep tot de spoorwegbeambten, besluitende met de woorden : « Zoo moge dan « groen licht » aan de « groene ster » overal « vrije baan » aanwijzen ! »

**FRANKRIJK.** — Ook in Frankrijk wint onder de spoorwegbeambten de esperantische beweging veld. In December verscheen aldaar het eerste nummer van *Fervoja Esperantisto*, wier bestuurder is de hr A. Berlande, voorzitter van de « Internacia Asocio de la Fervojistoj ». Het jaarlijksch abonnement bedraagt fr. 2.50. Men wende zich tot den hr. Bontemps, statieoverste te Parennes (Sarthe-France).

— Wij roepen de bijzondere aandacht onzer vrienden, die Parijs bezoeken, op de avondmalen ingericht door de Parijzische groep, die in het *Hôtel Moderne* (Place de la République), den 12 van iedere maand plaats hebben.

Het avondmaal van 12 December j. l. is bijzonder schitterend geweest en werd o. a. bijgewoond door de hh. kommandant Driant ; Wilm en Leboucq, gedeputeerden van de Seine; Mevr. Leboucq ; kommandant Barraux, kapitein Bachellery, Michelin (de gekende fabrikant van pneumatieke banden) en den dagbladschrijver Hugues Le Roux.

Deze maandelijksche avondmalen bevorderen niet enkel de gezelligheid onder de samideanoj; zij roepen ook de aandacht der hoogere standen op Esperanto en verzekeren aan onze beweging menigvuldige diensten. Men mag veronderstellen dat zij niet zonder invloed zullen geweest zijn op de aangekondigde stichting van de esperantische groep der fransche gedeputeerden. De avondmalen van de Parijzische groep zijn gansch intiem en zonder plichtplegingen. Hun prijs is 4 1/2 fr., drinkgeld inbegrepen.

*und Händler* (Sangerhausen) *Bankkeambten Zeitung* (Berlin), *Doknmente des Fortschritts* (id.) et *Deutsche Warte*, (id.).

— L'Esperanto vient de faire une nouvelle conquête. Sa marche victorieuse a engagé les employés des chemins de fer à apprendre et à propager notre langue ; par les soins de M. Otto Glade, chef de gare à Küllenbahn-lez-Elberfeld a été projeté la fondation d'une fédération internationale des employés espérantistes des chemins de fer. Déjà le 2 octobre fût fondé la *Vereinigung Deutscher Eisenbahn-Esperantisten*, qui a comme organe « Fervojo-Esperantisto » (Editeur Paul Fehlenberg, Küllenberg-bei-Elberfeld).

*Germana Esperantisto* contient dans son numéro de janvier dernier un appel chaleureux adressé aux employés des chemins de fer et qui se termine ainsi : « Puisse ainsi la « lumière verte » annoncer partout « la voie libre » à « l'étoile verte ! »

**FRANCE.** — Le mouvement espérantiste se manifeste également en France parmi les employés des chemins de fer. En décembre dernier parut le premier numéro de *Fervoja Esperantisto*, dont le directeur est M. A. Berlande, président de la « Internacia Asocio de la Fervojistoj ». L'abonnement annuel coûte fr. 2.50. S'adresser à M. Bontemps, chef de gare à Parennes (Sarthe-France).

— Nous appelons l'attention spéciale de ceux de nos amis, qui passent par Paris, sur les dîners organisés par le groupe de Paris, et qui ont lieu à l'*Hôtel Moderne* (Place de la République), le 12 de chaque mois.

Le dîner du 12 décembre dernier a été particulièrement brillant ; y ont assisté entre autres MM. le commandant Driant ; Wilm et Leboucq, députés de la Seine ; Mme Leboucq ; le commandant Barrand ; le capitaine Bachellery ; Michelin (le fabricant connu d'enveloppes pneumatiques) et le journaliste Hugues Le Roux.

Ces dîners non seulement favorisent la bonne camaderie parmi les samideanoj, mais ils appellent aussi l'attention de la haute société sur l'Esperanto et ils rendent à notre cause de nombreux services. On peut supposer qu'ils n'ont pas été sans influence sur la fondation prochaine du groupe espérantiste des députés français.

Les dîners du groupe de Paris sont tout-à-fait intimes, sans cérémonie. Ils coûtent fr. 4.50, service compris.

— De Algemeene Raad van het Seinedepartement heeft aan de esperantische groep van Parijs een jaarlijksch hulpgeld van 300 frank toegekend.

— Zeer voordeelige artikels over Esperanto verschenen onlangs in *L'Armée moderne, Revue de l'aéronautique militaire, l'Abeille de Seine et-Oise, le Journal des Bazars, Le Figaro, L'Eclair, L'Intransigeant, Le Petit Parisien, Excelsior*, enz.

— Welgelukte esperantische feesten werden gegeven door de afdeeling « Paris-Centre », door die van het « Quartier Latin » en door de groep van Argenteuil.

— Vreemde samideanoj zullen steeds vriendelijke opname vinden bij de esperantisten van Marseille, wier regelmatige samenkomsten plaats hebben in het « Syndicat d'Initiative de Provence », den eersten en den derden Vrijdag der maand, van 6 1/2 tot 8 u. av., en den tweeden en vierden Vrijdag, van 9 tot 10 u. av.

— Te Grenoble werden, dank aan de pogingen van den hr. Roy en met de toelating van de municipaliteit, leergangen ingericht van Esperanto en al de scholen. Lessen worden eveneens gegeven aan de onderwijzers en onderwijzeressen, in de handels- en nijverheidvereeniging en bij de syndicaten van werklieden. Esperanto ontvangt insgelijks warme ondersteuning in Vesoul, waar onlangs de zalen van het stadhuis ter beschikking der esperantische groep gesteld werden, die daarenboven een jaarlijksche toelage van de stedelijke regeering geniet.

**KRETA.** — In de Kretenzer stad Heraclion werd onlangs een esperantische groep gesticht onder den naam « Panhelena Kreta Esperantista Grupo ».

**NEDERLAND.** — Op 21 December vierden de drie Haagsche groepen in de ruime zaal «Diligentia» den 51n verjaardag van Dr Zamenhof. Meer dan 600 personen woonden het feest bij, dat schitterend geslaagd is. Hetzelfde gebeurde te Haarlem, waar de esperantische beweging goed vooruit gaat.

— Onze noorderburen zetten de propaganda ijverig door ; met dit doel hebben zij een bijzonder komiteit samengesteld, waarbij zich reeds aangesloten hebben esperantisten uit Gouda, Utrecht, Haarlem en den Haag.

**OOSTENRIJK.** — In het « Lehrerhaus» te Weenen werd onlangs eene reeks lessen van Esperanto voor onderwijzers geopend; in dezelfde stad werd ook een leergang voor knapen ingericht. Dr Arthur Gez houdt voordrachten over onze taal onder de Italiaansche bevolking van Oostenrijk.

— Le Conseil Général du département de la Seine vient d'allouer un subside annuel de 300 francs au groupe espérantiste de Paris.

— Des articles très favorables à l'Esperanto ont été publiés récemment dans *L'Armée moderne, Revue de l'aéronautique militaire, l'Abeille de Seine-et-Oise, Journal des Bazars, Le Figaro, L'Eclair, L'Intransigeant, Le Petit Parisien, Excelsior*, etc.

— Des fêtes espérantistes bien réussies ont été données par la section « Paris-Centre », par celle du « Quartier Latin » et par le groupe d'Argenteuil.

— Les samideanoj étrangers trouveront toujours l'accueil le plus amical chez les espérantistes de Marseille, qui tiennent leurs réunions régulières au « Syndicat d'Initiative de Provence », le premier et le troisième vendredi du mois de 6 1/2 à 8 h. s., et le deuxième et le quatrième vendredi, le soir de 9 à 10 heures.

— A Grenoble la Municipalité a autorisé, grâce aux démarches de M. Roy, l'organisation de cours d'Esperanto dans toutes les écoles. Des leçons d'Esperanto sont également données aux instituteurs et aux institutrices, dans l'Union des commerçants et industriels et dans les syndicats d'ouvriers.

Citons aussi Vesoul, où l'administration communale a mis les salles de l'Hôtel de Ville à la disposition du groupe espérantiste, à qui elle alloue en outre une subvention annuelle.

**CRÈTE.** — Dans la ville crétoise Heraclion on vient de fonder un groupe qui a pris le nom de « Panhelena Kreta Esperantista Grupo. ».

**PAYS-BAS.** — Le 21 décembre dernier les trois groupes de La Haye ont brillamment fêté le 51me anniversaire du Dr Zamenhof. Plus de 600 personnes ont assisté à cette fête, qui a eu lieu dans la vaste salle « Diligentia». Le dit anniversaire a été également rémémoré à Harlem, où le mouvement espérantiste accuse de grands progrès.

— Nos voisins du Nord poursuivent activement la propagande : dans ce but ils ont fondé un comité spécial auquel se sont déjà affiliés des espérantistes de Gouda, Utrecht, Harlem et La Haye.

**AUTRICHE.** — On vient d'ouvrir au « Lehrerhaus » de Vienne une série de leçons d'Esperanto pour les instituteurs. Dans la même ville existe un cours pour jeunes gens. M. le Dr Arthur Gez fait des conférences dans les villes autrichiennes de langue italienne.

**VEREENIGD RIJK.** — Voor het oogenblik worden in Londen en dezes omgeving 40 leergangen gegeven.

— Groepen werden gesticht en leergangen geopend te Chesterfield, Derby, Coventry, Hampton-in-Arden, Strattford-on-Avon, Alfreton, Reading, Rothbury, Sheffield, Torquay, Widney en Withernsea.

— De hr E. J. Brierley, Grosvenor Road, St Helens, richt eene reis in voor de esperantisten van Noord-Engeland, die aan het VIIe esperantisch congres willen deelnemen B. E. wenscht den meesten bijval aan deze onderneming.

**ANDERE LANDEN.** — Een onlangs verschenen nummer van « Hina Esperantista Revuo » meldt het bestaan van esperantische groepen te Shangaï, Peking, Canton en Fourie.

— Z. M. Alfonso XIII heeft het eerevoorzitterschap aanvaard van de Spaansche militaire esperantische vereeniging.

— Te Tabriz (Perzië) worden openbare lessen van Esperanto gegeven in het Perzisch en het Armeniaansch.

— Het zeer belangrijk tijdschrift van den Mexikaanschen Touringclub bevat maandelijks een artikel over Esperanto.

**WELKOM !** B. E. wenscht een hartelijk welkom en een lang voorspoedig bestaan aan de volgende tijdschriften, wier eerste nummer onlangs het licht zag : *La Informanto* (Magdeburg, 68, Schotestrasse), *La Instruanto* (Berlin, 18-19, Lindenstrasse) en *Riga Stelo* (Riga 11, Krebsstrasse.)

**ROYAUME UNI.** — Pour le moment 40 cours d'Esperanto se donnent à Londres et dans la banlieue londonnienne.

— Des groupes ont été fondés et des cours ont été organisés à Chesterfield, Derby, Coventry, Hampton-in-Arden, Strattford-on-Avon, Alfreton, Reading. Rothbury, Sheffield, Torquay, Widney et Withernsea.

— M. E. J. Brierley, Grosvenor Road à St. Helens. organise une caravane pour les espérantistes de l'Angleterre du Nord, qui veulent prendre prendre part au VIIme congrès espérantiste. Nous souhaitons plein succès a cette entreprise.

**AUTRES PAYS.** — Un des derniers numéros de « Hina Esperantista Revuo» mentionne l'existence de groupes espérantistes à Shangaï, Pékin, Canton et Fourie.

— S. M. Alphonse XIII a accepté la présidence d'honneur de la société espérantiste militaire espagnole.

— A Tabriz (Perse) se donnent des leçons publiques d'Esperanto dans les langues persane et arménienne.

— L'intéressante revue du Touring-Club de Mexico publie tous les mois un article sur l'Esperanto.

**BIENVENUE !** B.E. souhaite une cordiale bienvenue et une existence longue et prospère aux revues suivantes, dont le premier numéro vient de paraître récemment : *La Informanto*(Magdebourg, 68,Schotestrasse), *La Instruanto* (Berlin, 18-19, Lindenstrasse) et *Riga Stelo* (Riga, 11, Krebsstrasse).

---

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen.)

I. **Librairie Kündig**, 11, Corraterie, Genève.

A) Antido n-ro 2. — *Teoria ekzameno de la lingvo Esperanto kun fonetika internacia alfabeto* (12 × 18), 126 paĝoj : Prezo : Sm. 1 = Fr. 2.50.

B) Antido n-ro 2. — *Resumo de la teorio de Antido kun lingvaj kritikoj kaj klarigoj de konataj esperantistoj kaj idistoj* (18 × 27) 55 paĝoj. Prezo : Sm. 0.20 = Fr. 0.50.

II. **H. Tobella**, impresor, 18, Carmen, Barcelona.

Mikaelo Cases. — *Mistera krimo*, amuza unuakta komedieto (11 × 19) 38 paĝoj. Prezo Sm, 0.4 = Fr. 1.— Aĉetebla per antaŭsendo de enlandaj aŭ eksterlandaj poŝtmarkoj aŭ respondkuponoj al la jena adreso : S-ro Mikaelo Cases, strata Calmeron, 229, 4°, 2a en Barcelona (España).

III. **Eldonanto Mud-ro St. Schulhof** en Pardubice (Bohemujo).

D-RO STANISLAV SCHULHOF. *Per Espero al Despero* (12 × 15) 32 paĝoj. Prezo : Sm. 0,25 = Fr. 0.63.

Jen kolekto da dek poemoj ; la plimulto el ili distingiĝas per varma entuziasmo, kiu tamen kelkfoje fariĝas trograndigita lirismo ; aliaj elspiras profundan melanĥolion.

La klopodoj de la aŭtoro estas tre laŭdindaj. Bedaŭrinde la libro enhavas kelkajn erarojn kontraŭ la prozodio ; mi ankaŭ ne povas interkonsenti pri la uzado de *despero (malespero ?)* kaj tiu de la vortoj *avangardo, precioza* kaj kelkaj aliaj, kiuj, laŭ mi, estas tre riskitaj.

IV. **Presa Esperantista Societo**, 33, rue Lacépède, Paris.

A. JOHANO DE LUCZENBACHER. — *Du noveloj* el MAŬRO JOKAI, tradukitaj el la hungara lingvo (14 × 19), 96 paĝoj. Prezo : Fr. 1.25 = Sm. 0.5.

*Maŭro Jokai* (1825-1904) estas konata kiel la plej glora hungara verkisto. Liaj verkoj, kvankam pritraktante tre diversajn temojn, estas ĉiam plenaj de vivo, de intereso. La unua el la cititaj noveloj, *La edzino de l'Falinto*, sin rilatas al la memdefenda militado de 1848, kiam la hungaraj armeoj bataladis por la libereco de l'patrujo kontraŭ la aŭstraj milistoj, helpitaj de la rusoj. La dua, titolita *Polo rakonto*, vidigas al ni la polan personecon ; ĝi pentras la animforton de la patrioto Jeminsky, kiu mortigis, en plej tragikaj cirkonstancoj, la rusan generalon Anikoff. Eble oni riproĉos la aŭtoron troigi la situacion, sed oni rimarku, ke li skribis laŭ la sentoj de sia tempo, kaj ke lia celo estis respeguligi la okazintaĵojn, kiel ili vivas en la imago de l'Hungaroj.

La esperanta teksto de la libro estas tre flua kaj tre korekta. Tamen, kelkaj esprimoj de la tradukinto ŝajnas al mi iom strangaj : *maltutigita*, kantante ili marŝis *pluen* kaj *ptuen*, parolu *pluen*, mi akompanos vin almenaŭ *elen el* la arbaro, mi *disduigas* mian havaĵon, ŝi estis bela *homino*, kaj aliaj.

Resume : *Du noveloj el Maŭro Jokai* estas tre ŝatinda pliriĉigo de la esperantista literaturo.

B. LIONEL DALSACE. — *Fatala Ŝuldo*, el franca lingvo tradukis S-ino EUGÉNIE FERTER-CENSE (12×17) 318 paĝoj. Prezo Fr. 350 = Sm. 1,4.

Kiel antaŭvidas la moto, citita sur la titola paĝo *(Ni estis, ni estas kaj ni estos... Ĉiu faras al si sian destinon... Se ni falis, ni revivos por resupreniĝi.* EM. BARRAULT.), *Fatala Ŝuldo* estas tendenza romano. Ĝi celas pruvi la reenkorpiĝon de la animoj post la morto, kaj disvolvigas la filozofian ideon ke ĉiu bona ago estas paŝo al morala perfektiĝo, kaj ke ĉiu malbona ago devas esti elpagita dum la sinsekvaj vivoj.

La legado de la libro, grandparte leterforme verkita, kaj kies ĉefpersonaĵoj apartenas al la altrangularo, estas tre interesa. La traduko estas flua, sed mi devas fari rezervojn pri la elekto de diversaj vortoj kaj kelkaj gramatikaj formoj, kiuj bezonas seriozan revizion.

V. **Librairie de l'Esperanto**, 15, rue Montmartre, Paris.

GABRIEL CHAVET et GEORGES WARNIER.—*Dictionnaire Français-Esperanto pratique et complet* (11 × 15), 278 paĝoj. Prezo, eleganta tole bindita : Fr. 2. = Sm. 0,8.

Kvankam en la nuna tempo jam ekzistas diversaj vortaroj pri Esperanto, mi ne hezitas rekomendi tiun de S-roj Chavet kaj Warnier, kiel plenan, praktikan kaj samtempe malmultekostan.

La libro de S-ro Chavet kaj Warnier, enhavas ĉe sia fino liston da propraj nomoj, konforme kun la laboroj de la speciala komisio de la Lingva Komitato. Jen tre ŝatinda ennoviĝo.

Mi tutkore deziras al la aŭtoroj bonan debiton.

VI. **Esperanto Verlag Möller & Borel**, Lindenstrasse 18/19, Berlin.

LUCIUS APULEJUS. — *Amoro kaj Psiĥe*, esperanta traduko de EMILO PFEFFER (10 × 14), 64 paĝoj. Prezo Fr. 0,50 = Sm. 0,2.

Tiu verketo estas ekstrakto el la « Metamorfozoj » de la supre nomita latina aŭtoro. Ĝi estas tradukita en preskaŭ ĉiujn lingvojn el la mondo kaj mi devas gratuli S-ron Pfeffer, kiu, esperantigante ĝin, donis al la esperanta literatura plian pliriĉigon.

Mi aldonu ke la verketo estas la n-roj 14-15 de la *Esperanta Biblioteko Internacia*, kiu sin distingas per prava elekto kaj tre korekta stilo.

VII. **Esperanta Oficejo** en Pirdop, Bulgarujo.

IV. H. KRESTANOF. — *La internacia vivo kaj lingvo, kun pririgardo de l'esperantista movado en Eksterlando kaj Bulgarujo ; Esperantisto*, unuakta komedio (12×19) 48 paĝoj. Prezo Fr. 0.50 = Sd. 20.

Jen la esperanta tradukajo de la titolo de verketo, ŝuldata al la nelaciĝebla balkanlanda pioniro S-ro Krestanof ; mi varme rekomendas ĝin al tiuj samideanoj, por kiuj la lingvo de Vazov ne estas fremda.

☞ **ATENTU !** *Bulgara Esperanto-Biblioteko*, kontraŭ du respondkuponoj internaciaj (20 Sd.), sendas la lastajn numerojn de *Bulgara Esperantisto* (en bulgara lingvo kaj Esperanto) senpage. La redaktoro : IV. H. KRESTANOF, prog. instruisto en PEŜTERA (Bulgarujo).

VIII. **Atlas Press**, Fleming Place, Melbourne.

° ° °. — *Fidela deklaracio pri la Vero elmontrita laŭ la Sankta Biblio* (12×19) 52 paĝoj. Prezo : ne montrita.

Serio da argumentadoj pri apologiaj temoj, laŭ tekstoj el la Evangelioj.

AMATUS.

---

# LITERATURA PARTO

---

## La Domo de la Krimo

*(Fino)*

Oni portis ilin en la komunuman tombejon, inter la murmuroj de la indignantaj enloĝantoj. « Ne estas bone malkvietigi la dormadon de la mortintoj », diris la maljunuloj de la vilaĝo, « malfeliĉajo okazos al la sentimegulo.... »

Kaj aliaj historioj estis samtempe memorigataj, strangaj koincidajoj estis donintaj al tiu loko famon de superstiĉa teruro..... En 1855 knabo estis frapita fruntmeze, per ŝtono jetita de neniam konita mano, dum li preĝis sur la kalvariaj ŝtupoj, kaj la malfeliĉuleto mortis inter la brakoj de sia terurita patrino, kun la kapo borita per ruĝa stelo.

Dekdu jarojn poste tri laboristoj, kiuj estis serĉintaj sub la pereiga ombrajo de la abioj rifuĝon kontraŭ timiginda fulmotondro, estis grave vunditaj de la fulmofajro....

Vere, tiu tero estis tute signita de homa doloro, kaj, per stranga magnetismo, altiris la malfeliĉon.....

La domo, tamen, ekstaris. Brikoj ŝmiritaj per mortero kaj subtenataj per lignaj fostoj ; malfortika budo konsistanta el teretaĝo kaj grenejo, ĝi ŝajnis belega, kvazaŭ palaco al Dupuis,

en lia fanfarona ĝojo de posedanto. Li ekloĝiĝis tie kun sia edzino kaj siaj infanoj. Kun siaj ruĝaj per sablaj festonoj ornamitaj kaj bone lavitaj ŝtonplatoj, siaj rebrilantaj kupraĵoj, siaj puregaj mebloj kaj blankaj kurtenoj ĉe la fenestroj, la budo estus ŝajninta preskaŭ gaja, se Dupuis ne estus ŝmirinta ĝin, por protekti la maldikajn murojn kontraŭ la furio de la pluvegoj, per gudro, kiu igis ĝin tute nigra, kvazaŭ funebra.

La publika malaprobo daŭris....

Kiam estis foririntaj la unuaj kontentiĝoj de la aranĝado, Dupuis, kiu estis konfidinta al la estimo de siaj kamaradoj — kaj al ilia envio — ĉar la plezuro vidi sin enviata estas duone en la feliĉo de la posedanto — tre malĝojis vidante ilin sin deturnantajn de li, kun evidenta ĝeno. Rimarkinte, ke ĉe lia eniro la konversacioj interompiĝas kaj ke embarasita silento lin akceptas, li ĉesis, iom post iom, vizitadi la drinkejojn, kie li povis renkonti amikojn. Li fariĝis silentema kaj malgaja, enfermis sin en sia nigra budo, trograndigante, per dolora ofendsentemo, la repuŝon, kiun li kaŭzis. Lia frunto kliniĝis, fosita per profunda zorgmontranta sulko. La melanĥolio sin ĵetis, kvazaŭ malgaja birdo, sur la loĝejon, kie la infanoj ŝajnis pli silentaj kaj pli seriozaj.... Lia alta staturo kurbiĝis kaj liaj haroj blankiĝis ; li marŝis, kiel viro portanta konsciencan riproĉon....

Lasta espero restis al li : li nun furioze laboris, amasigante la ŝparaĵojn, konfidante al la natura malnobleco de la homoj, por retrovi, per la allogo de l'oro, la ŝatatecon kiu mankis al li....

Ian tagon la ĉirkaŭanta malbonemeco preciziĝis en anonima letero, ofta malkuraĝajo en niaj valonaj popolamasoj, malkovranta al li lian edzan malfeliĉon : lia edzino trompis lin, malŝparis la malfacile amasigitajn monerojn kun unu el la maloftuloj kiuj ne estis sin deturnintaj de li. Li spionis ambaŭ, kaj iom post iom akiris, dank' al malbone precizaj divenigaĵoj, la malgajan konvinkiĝon, ke la malamika denunciinto ne mensogis....

Li ne koleris, sed havis grandan premegadon. Li komprenis, ke lia vivo estas malsukcesinta kaj, nekapabla por malmiksi la kaŭzojn, li pensis ian vesperon, ke eble estas la venĝo de la mortintoj. La ideo trapasis lian cerbon ; li ĝin forĵetis kaj fine reprenis, kaj ĝi baldaŭ enradikiĝis kun la forto de certaĵo.

De tiu momento, li sentis sin ĝenita en tiu domo, kaŭzo de sia izoleco kaj de la plorinda ruiniĝo de sia vivo. Li havis fantaziajn sonĝturmentojn ; li sonĝis, ke li aŭdas ĉiujn tiujn mortintojn, sube de li mallaŭte parolantajn pri siaj profanitaj tomboj ; li sentis ilin sin agitantajn, movantajn sin por sublevi

la premantan pezon de la muroj, kaj ofte, kiam li prenis glason, ilon, ian ajn objekton, li havis la nepersistantan senteraron tuŝi ostojn.

Le ĉambroj ŝajnis al li fantomplenaj ; li eksaltis je la krakado de la mebloj ; kaj krepuske, en la mallumaj anguloj, li kredis ke li vidas konfuzajn ŝajnaĵojn kiuj forkuras. Li ne plu kuraĝis malsupreniri al la kelo, nek resti sen lumo. Precizege revenis al li la memoro, perdita en la profundoj de lia spirito, pri la kruelega impreso de la fosilo penetranta en la kranion, kaj li konkludis ke, ĉar li jam estas mortiginta, li devas ankoraŭ mortigi.

Tiu longa spiritlaboro daŭris ses monatojn, unu jaron, du jarojn eble, kiu scias ? Malgaja kaj silenta, ĉiam refaldita sur sin mem, sovaĝa kvazaŭ vundita besto, interparolanta nur kun siaj vizioj, kiu esprimos la progresadon de la malordiĝo de tiu malfeliĉa cerbo ? Li aĉetis revolveron kaj metis ĝin sub la kapkusenon....

Ian nokton de septembro 1878, en momento, kiam pasis la vagonara tondro en la fervoja tranĉeo, li rigardadis dum kelka tempo la trankvilan dormon, flanke de si, de sia malfidela edzino, kaj antaŭ ol fari la necese farotan aferon tuŝetis per pardona kiso la deligitajn harojn ; poste, obeante la Fatalon, li dolĉe metis al ŝi la armiltubon apud la tempion kaj rompis ŝian kapon. Kun la sama submetiĝo al la Neeviteblo, li dufoje revolverpafis en sian buŝon. La eksplodbruoj perdiĝis en la bruego de la apuda fervoja stacio.

Vekite, la infanoj alkuris, sed Dupuis, kiu stertoris, signodonis por ke ili silentu. Kaj, ĝis la mateno, tiuj etuloj, mutaj pro kortimo kaj ne komprenante, restis tremante antaŭ la tutruĝa lito, apud sia mortigita patrino kaj sia patro, agonianta kun ŝirita vizaĝo ... tutan longan nokton, kies silento estis laŭmomente rompata de la vagonara bruego kaj de la akrasonaj kaj daŭrantaj fajfadoj, plendaj alvokoj de la lokomotivoj.

Sur kartonon, per grandaj mallertaj literoj kun neakceptebla kaj kortuŝanta ortografio, Dupuis, antaŭ ol morti, estis skribinta tiun lakonan testamenton : « Oni lasas ĉion fari. Venu nun por konstati la mortintojn. Estas pli facile por la juĝistaro. Kaj li daŭrigu siajn malbonaĵojn. Dio faros por li la kalkulon. »

De tiu tempo, la tragedia budo ne plu havis alian nomon ol la « Domo de la Krimo ».

Kun afabla permeso de l'aŭtoro
L. Delvaux
esperantigis.